# juna amiko

N-ro 78-79
96/3-4

Internacia Kvaronjara Lernejana Revuo en Esperanto



LA METI LERN ANTO

juna helena kuracisto rakontas

ilei

Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj

**A**ntaŭ ol la forvojaĝo al mia hejma hemisfero, ĉu restas tempo pretigi plian numeron de nia revuo? Almenaŭ mi provas. Ĝi verŝajne estos unu el la lastaj, kiujn mi redaktos por vi — post dek jaroj da regula laborado, venis la tempo iom ripozi de tio.

**D**um nia foresto, la numero presiĝos, kaj niaj aliaj helpantoj ĝin ekspedos al vi. Ekde nun, administraj komunikaĵoj (petoj por specimenoj, adresŝanĝoj, plendoj pri ne-ricevo kaj perantaj leteroj) venadu al la poŝtkesta adreso en Budapeŝto.

**I**nteresos vin scii, ke redaktos la novan jar-kolekton nia nova (samtempe malnova, kaj tial sperta!) redaktoro, Géza Kurucz el Kecskemét. Do, ĉiujn viajn kontribuaĵojn, konkursaĵojn, korespond-petojn ktp. vi sendu al li ĉe la apuda adreso.

**A**ntipode, via redaktoro gvidos kurson en la somera lernejo en Adelajdo, (Sud-Aŭstralio), urbo de la Universala Kongreso en julio 1997. La kursanoj tie studos pri la spiono 005 el la lastaj restantaj ekzempleroj de la dua kajero de *Tendaraj tagoj*, kies revizio jam urĝas, cele al dua eldono.

**Ŭ**aa! Vidu kiajn problemojn mi starigas al mi! **Adiaŭ** ne estis la plej saĝa vorto en la mondo por la komenc-literoj. Pli sukcese estus **Ĝis revido**! Sed, tiukaze, mia enkonduko estus duoble pli longa, do ni restu ĉe **Adiaŭ**. Spite tion, mi esperas re-renkonti vin estonte, tra la paĝoj de nia komuna amiko,

Via dek-jara (sed ne dek-jaraĝa) redaktoro

Stefan

Stefan MacGill
5 oktobro 96


## Juna amiko

aperas kvarfoje jare

**Abonprezoj 1996 kaj 97**

**Senŝanĝaj abontarifoj por 1997** (krom en forintoj).

*Tarif-grupo 1:*

| | 1 ekz | 2-9 po | >10 po |
|---|---|---|---|
| NLG | 19 | 15 | 10 |
| SEK | 85 | 65 | 45 |
| FRF | 55 | 45 | 30 |
| GBP | 7 | 5.5 | 4 |
| DEM | 17 | 13 | 9 |
| USD | 12 | 9 | 6 |

*Tarifo 2: Latinameriko*

| | | | |
|---|---|---|---|
| NLG | 9 | 7 | 5 |
| USD | 6 | 4.5 | 3 |

*Tarifo 3: Rusio, ktp.*

| | | | |
|---|---|---|---|
| DEM | 6 | 4.5 | 3.5 |
| USD | 5 | 4 | 3 |
| NLG | 7 | 5.5 | 4 |
| HUF | 600 | 450 | 350 |
| IRPK | 7 | 5 | 4 |

*Tarifo 4: Najbaroj*

| | | | |
|---|---|---|---|
| DEM | 4.5 | 3.5 | 2.5 |
| USD | 3.5 | 3 | 2 |
| NLG | 5 | 4 | 3 |
| HUF | 450 | 350 | 250 |
| IRPK | 5 | 4 | 3 |

*Tarifo 5: Hungario*

| | | | |
|---|---|---|---|
| HUF | 360 | 280 | 220 |

**Redaktoro:**
Géza Kurucz, Nyíri út 11, HU-6000 Kecskemét.

**Administrado:**
Juna amiko, pf. 193, HU-1368 Budapest, Hungario

La adresoj de niaj perantoj aperas ene.

ISSN 0230 1314

Jen la rubriko por niaj pli junaj legantoj. Trankviliĝu, la IĈLM-rubriko restos en la nova jaro — la nova redaktoro aktive subtenos ĝin. Do, sendu viajn desegnaĵojn kaj skribaĵojn al la nova redakcia adreso! Bonvolu uzi nigran plumon (ne kolorajn) por pretigi vian kontribuaĵon. Se ĝi aperos, vi ricevos bonan libro-donacon de ni!

**Ligu la formojn supre kun la samformaj objektoj sube en la bildo:**




**Kiujn formojn vi uzos por desegni:**

librON
kristnask-arbon
ringon
Saturnon
rimenon
la sunon
vel-boaton
ŝtonon
diamanton
domon
raketon
pilkon
pordon
rugbean pilkon
fenestron

ĈLM:
3876
Belmont
Ave.
San Diego
CA 92116
Usono

# ANIMALA BAND'

smg

Kvin bestoj muzikas! Ĉiu kun propra instrumento. Jen la kvin bestoj:

kuniklo leporo lupo porko testudo.

Ĉiu strofo havas unu spacon. Metu la ĝustan beston en la ĝustan spacon, kaj deklamu kune la poemojn!



______ ludas banĝon
en muzika band'.
Ĝuu la aranĝon,
tra la tuta land'!

______n ĉiuj aŭdas
dum li saksofonas.
La publik' aplaŭdas,
ŝatan takson donas.

Gajulo meze venas,
______ vigle kuras.
Batilojn svinge tenas
Tre laŭte li tamburas.

Oreloj pinte staras,
cimbalegoj kraŝas!
______ tionfaras,
dum li ritme paŝas.

Serioz-miene blovas
la ______ la trombonon;
rideti li ne povas
— englutis li bombonon!

Per la marŝ'-elano
De l'orkestra kvin',
Ĉiu en bona sano,
Bele distras nin.



D. Ĉu la kanguruo troviĝas ĉie en la mondo?

R. Ne. La kanguruo vivas nur en Aŭstralio.

D. Do, ĉu la pando vivas en Aŭstralio?

R. Ne. La pando ekzistas nur en la provinco Siĉuan de Ĉinio.



Desegnis kaj verkis la demandojn kaj respondojn: Cai Zhun, 11-jara. Instruisto: Cai Shouzhi, Chengdu, Siĉuan, ĈINIO




Desegnis: Asta, 18-jara. Klaso de S-ino Vilija Jakstiene, Klaipeda, LITOVIO




Desegnis: Ieva B., 12-jara. Klaso de S-ino Vilija Jakstiene, Klaipeda, LITOVIO

BIRDOJ EN HUNGARIO




D. Al kiu direkto flugas la migrantaj birdoj?

R. Ili flugas sude direkte al Afriko.

Desegnis: Roberto Söti. Klaso de S-ro Josef Kiss, Galyateto, HUNGARIO

# Kie loĝas la bestoj?

**El malnova numero de la *JĈLM-bulteno***

# Eŭskaj sportludoj

**laŭ artikolo de Iñaki Gauna**
**en la revuo *Eŭska kverko***

***Ligu bildojn kun tekstoj. Tri bildoj ne havas priskribon. Vi verku ilin!***





















❶ **Ŝnur-tirado:** Du teamoj de po ok viroj konkurencas.

❷ **Herbo-falĉado:** Helpantoj kolektas kaj pezas la herbon.

❸ **Ŝafo-batalo:** Post interbatado, la ŝafo kiu forkuras, perdas.

❹ **Ŝtontiro per bovoj:** La teamo, kiu en duonhoro tiras la ŝtonon plej longan distancon, gajnas.

❺ **Ĉarludo:** Oni devas levi kaj turni la ĉaron, kiomofte kiom eble.

❻ **Levado de herbo-pakaĵo:** Oni levas pajlon per ŝnuro kaj pulio.

❼ **Ŝton-levado:** Oni devas levi ĝin ĝis-ŝultre, tiom ofte kiom eble en difinita tempo.

❽ **Maizo-kolektado:** Spikoj korben!

❾ **Ŝton-transportado:** Ili estas sampezaj; gajnas, kiu plej longe tiras ilin sen demeti ilin.

❿ **Ligno-hakado:** Gajnas, kiu plej rapide hakas la trunkojn.



# Super la pikniko

Julieta, Petro kaj Johano eliris el la  kaj eniris la ĝardenon. Tie, sub alta , inter la  kaj la  ili preparis piknikon. La vetero estis bela, la  brilis forte tra la . Ili elmetis kelkajn  kaj sur ili metis  kaj . Julieta portis du , Johano elprenis  kaj verŝis sukon en ilin. Ili komencis 

la panon kaj kukojn kaj 

la sukon.

Subite, Johano malfermis larĝe siajn  kaj rigardis supren. Inter la  kaj la  de la arbo, ili vidis  precize super ili. Ili timis, ke ĝi fuŝos, pli precize makulos, la piknikon.

"Mi surmetos mian " diris Johano. "Prefere ni uzu !" diris Julieta. Petro havis alian ideon. Li forprenis sian  kaj ĵetis ĝin supren. La birdo for...  kaj la amikoj povis fini la piknikon senprobleme.

Vespere, la Panjo de Petro kriis: "Sed kie malaperis via maldekstra ?"

"  ŝtelis ĝin." li respondis!

# Konkurs-rezultoj el 96/2



**La 19 lingvoj, p 5:** Prenu fortan lupeon kaj vi trovos la et-literajn respondojn sube de la tekstoj! La redaktoro ne rimarkis tion!
**Vilhelmo Tell, p. 8:** estas pafarkinto.
**Rekonu la formojn, p. 15:** La formo estis STELO, la komenc-literoj de la neuzitaj objektoj devis formi la vorton LUNO (ne KULO aŭ SUPO, kiel proponis respondintoj!)



**La komputile priskribita vorto, p. 19:** FREŜA.
**La kruc-enigma kaŝvorto, p. 20:** MASKI.
**La kata-ŝata tuŝ', p. 21:** KARESON
**Kiel reagas karesata kat', p. 21:** EKRONRONE
**La naŭ famuloj, p. 23:** Beethoven, Edison, Columbus, Comenius, da Vinci, Aristoteles, Panjo Teresa, Darwin, Kalocsay.

Premiojn ricevos la E-klasoj en lernejoj Bergfotens kaj Forell, en Tyresö, Svedio; Alina Sokol el Ruda SL, Pollando; Norma Perälä (Svislando/Finnlando) kaj Jana Slepĉenko el Kurgano, Rusio pro respondoj al antaŭaj konkursoj.

**La enkonduko sur p.2 estis frue verkita, antaŭ ol ni decidis, ke duobla numero necesas. Kion fari? Elŝiri la faritan enkondukon kaj verki alian? Ne, ĝi restu. Verki el-kondukon, kiel en la antaŭa numero? Ne, ni bezonos last-momente verkitan el-kondukon gazeto-fine. Ne eblas en-konduko, ne eblas el-konduko... vivu la...**

## Tra-konduko

**Niaj trakondukaj vortoj volas klarigi, ke vi havas aparte dikan numeron de nia revuo, por fini la jarkolekton ĝustatempe. Tio havas avantaĝon. Nia antaŭa temo *Rekoni*, pri famaj personoj, altiris bonajn artikolojn, tamen longaj por nia kutima *Juna amiko.* La duobla numero permesas al ni aperigi ilin. Ne timu pro la longeco — ili estas aparte interesaj. Ni donas multajn vort-klarigojn, certe via instruisto helpos al vi kompreni ilin. Indas, nur kuraĝu!**

**Ni debatas nun, kiom longaj estu artikoloj en JA, kaj kiom da paĝoj estu en ĉiu numero. Skribu al ni, ĉu vi ŝatas pli longajn artikolojn aŭ ne. Niaj revuoj kutime havas 32 paĝojn. Ĉu bone? Ĉu sufiĉe? Ĉu tro? Ĉu maltro?**

*smg*



# Kiam alvenos la trajno?

*Radam vere amas sian aŭton. Ĉiutage li iras per ĝi al la ĉefurbo. Sed hieraŭ ĝi paneis. Hodiaŭ ĝi ne funkcias. Do, Radam prenis atlason kaj trovis sur mapo la plej proksiman stacidomon. Li promenis al ĝi. Tie atendas du pasaĝeroj. Ili ĉiutage veturas trajne al la ĉefurbo.*



**Radam:** Bonan matenon. Kiam alvenos la trajno?
**Pasa:** Ĝi devas alveni je la sepa dek kvin, sed ĝi ĉiam malfruas.
**Radam:** Ve. Ĉu vere ĉiam?
**Pasa:** Nu, tre ofte. Preskaŭ ĉiam. Praktike ĉiam. Ĝi kutime malfruas.
**Radam:** Terure. Mi havas urĝan kunvenon en la ĉefurbo. Ĉu ĝi neniam venas en la ĝusta tempo?
**Pasa:** Preskaŭ neniam. Praktike neniam. Ĝi povas alveni iam ajn. Je la sepa tridek, la sepa kvardek, la oka, la oka tridek, la naŭa, la...
**Ĝer:** Iam ĝi alvenis ĝustatempe. Mi memoras tion.
**Radam:** Ĉu, jes? Kiam ĝi alvenis ĝustatempe?
**Ĝer:** En la dudek unua de aprilo, mil naŭcent sesdek unu. Tiam ĝi alvenis ĝustatempe.
**Radam:** Ĉu ĝi neniam alvenis ĝustatempe de post tiam?
**Pasa:** Laŭ mia memoro, ne. Neniam.
**Ĝer:** Ankaŭ laŭ mia memoro, neniam.
**Pasa:** Sed iam ĝi alvenis frue! Mi memoras. En oktobro, mil naŭcent sepdek ok. La precizan tagon mi forgesas. Ĝi alvenis tutan horon tro frue.
**Radam:** Ĉu vere?
**Pasa:** Ne vere. Ĝi estis la trajno de la antaŭa tago, kiu malfruis je dudek tri horoj!



| | | |
|---|---|---|
| 100% | Ĉiam | |
| 90% | Preskaŭ ĉiam | |
| 80% | Oftege | |
| 70% | Ofte | |
| 60% | Multfoje | Kutime |
| 50% | Kelkfoje | Foje |
| 40% | Neofte | |
| 30% | Malofte | |
| 20% | Maloftege | |
| 10% | Preskaŭ neniam | |
| 0% | Neniam | |

| | |
|---|---|
| Kiam | ? |
| Tiam | ! |
| Iam | Iam ajn |
| Ĉiam | ● |
| Neniam | ○ |

*La skeĉo estas uzebla apoge al ĉapitro 56 en la dua kajero de* Tendaraj Tagoj.

# Via kaleŝo vin atendas!




KALEŜO: nova, originala, 40paĝa ,A5-formata kajero por infanoj, gepatroj, instruistoj, kaj aliaj junaj koroj - amuzaj poemetoj, aktivigaj gestoversaĵoj kaj kantoj, kun bildoj por kolorigi.

Prezo por unu ekzemplero: 7DM + 3DM sendokostoj = 10DM (aŭ ekvivalento).

Prezo ekde 3 ekzempleroj: po 5DM + *entute* 5DM sendokostoj (ekzemple por 5 ekzempleroj vi pagus 5-oble 5 plus 5 = 30DM (aŭ ekvivalenton).

Pagoj en koverto aŭ al UEA konto MSAD-W.

Nia adreso: Kaleŝo,
Esperanto Domo, p.k. 87,
H-1675 Budapeŝto, Hungario

# Legendo pri vulturoj

*el Valaĥio (suda parto de Rumanio, apud la Danubo)*

Vivis iam du gereĝoj kiuj havis filon kaj ankaŭ multe da geservistoj. Inter tiuj geservistoj estis unu nekutime fia. Tiu estis la kokistino de la palaco kaj ankaŭ ŝi havis filon.

La filo de la kokistino kaj la filo de la gereĝoj ofte kverelis. Unu tagon la reĝino sendis sian filon alporti kelkajn ovojn. Sed la kokistino, kiu estis ankaŭ fama sorĉistino, donis al la reĝa filo iun venenon kaj li mortis surloke.

Post iom da atendado, vidante ke ilia filo ne revenas, la du gereĝoj ekiris enketi pri lia farto. Ilin vidante veni kaj timante reĝan punon, la kokistino neatendite ĵetis antaŭ ilin kelkajn sorĉaĵojn, dirante: "Vulturoj iĝu kaj gereĝoj de l'ĉielo estu kaj ne de ĉi tiu palaco! Vi nutru vin nur per rabaĵoj kaj mortintaĵoj!

Tiumomente la du gereĝoj transformiĝis en du vulturojn kiuj cirkle flugis super la kastelo kvazaŭ serĉante ion. Poste ili iris en la montaron, sur kies pintoj ili faris siajn nestojn, kaj de kie ili ĉirkaŭ-rigardas kvazaŭ gereĝoj de la ĉielo.

Jen do kiel aperis la vulturoj surtere.

*El la rumana tradukis Ionel ONET*

fia: morale aĉa
kvereli: disputi
veneno: mortiga substanco
enketi: demandadi
farto: stato
rabaĵo: aĵo, kiun oni ŝtele prenis



# Intermiksitaj proverboj

Bernard Golden

Tiu ĉi kvizo konsistas el 25 konataj Esperantaj proverboj, kies unuaj kaj lastaj partoj estas intermiksitaj. Post tralegado de ĉiuj 25 eroj, provu kunmeti la partojn, kiuj formas la verajn proverbojn. Jen ekzemplo:

A. Plej bone ridas, kiam boto nin premas.
B. Najbaro ne ĝemas, kiu laste ridas.



Estas evidente, ke la du senc-havaj proverboj estas:

A. Plej bone ridas, kiu laste ridas.
B. Najbaro ne ĝemas, kiam boto nin premas.



1. Ne ŝovu la nazon tie fajro troviĝas.
2. De tro multa scio estas plej bongusta.
3. Kiu rompis la glason, li tutan manon postulas.
4. Hundo bojas, kiu neniam ion faras.
5. Hako post hako disfalas granito.
6. Nur tiu ne eraras, — buŝo parolas.
7. Kie fumo leviĝas, homo vojas.
8. De guto post guto krevas la kranio.
9. Kie diablo ne povas, ankaŭ ombro troviĝas.
10. Ofte ĉapo de kampulo ne estas sur la hoko.
11. Se okulo ne vidas, herbo ne kovras.
12. Kiu volas mensogi, ordigu la kason.
13. Vivo sen modero estas la plej efika atako.
14. Nokte eĉ monstro ne bezonas jam ĉapon.
15. Vojon batitan koro ne avidas.
16. Nova balailo kovras kapon de saĝulo.
17. Gasto kaj fiŝo bone veturas.
18. Frukto malpermesita baldaŭ fariĝas malfreŝa.
19. Koro tro plena kondukas al mizero.
20. Donu fingron al avidulo, kiam dentoj elfalis.
21. Kiu bone ŝmiras, estas belulo.
22. Kiu perdis la kapon devas bone memori.
23. Nuksoj venis en fremdan vazon.
24. Kie lumo ekzistas, tien li sendas virinon.
25. Ankoraŭ la ezoko bone balaas.



# Vermo en varmo en amo

Gaje la vermeto rampas post la pluvado al la tegmento de sia loĝejo, al la tera surfaco. Ĝia kapo admiras la ĉirkaŭon, dum la plej-granda korpa parto bonfartas en la protektanta sablo.

La suno briletas, foraj montetoj donas al la tera surfaco interesan strukturon. La herboj freŝe odoras, la tuta tero aspektas pur-lavita. Sur la floretoj sidas diamantaj akvaj gutoj kiuj svingiĝas laŭ la venta melodio.

"Ah, kiel bone jen kaj nun vivi!", diras la vermo, kiu sin admiras en iu akvera spegulo. "Jes, mi vere estas mirinda ĉarmulo." Ĝi profunde enspiras kaj sin streĉigas. Pro la venteto la floroj kap-jesas al ĝi.

"Bonan tagon!", diras la bone edukita belulo al vermo, kiu subite apud ĝi aperas. "Belega vetero, ĉu ne? Mi tute ne plu komprenas, kial mi tiom ofte restas en mia obskura kelo, se jen sekvas unu miraklo la alian." La fremda vermo nur stulte gapas, nenion replikas.

"Ah, tiu freŝeco, tiu odoro! Mi povus eltiri radikojn de fi-herboj! Tiu suno donas forton. La belegaj floretoj plibuntigas nian tristan vivon. Jen nun estas la ĝusta tempo, por serĉi kunulinon." Per karesaj okuloj ĝi rigardas la alian vermon. La flirtemulo rampas al la direkto de la alia vermo, sed tiu sin retiras en la teron.

"Hej, kial vi for-rampas, ĉarmulino?!"

"Vin la aero ebriigis. Mi jam kun vi estas ligita. Mi, do, estas nur via malantaŭa parto!"

*Trine*



*VORT-KLARIGOJ:*

*svingiĝi: iri tien kaj reen*
*obskura: for-kaŝita.*
*gapi: rigardi fikse.*
*repliki: respondi*
*radiko: la subtera parto de planto*
*plibuntigi -on: aldoni al io koloron kaj varion*
*trista: malĝoja*
*rampi: iri surkorpe, kiel ekzemple vermo*
*karesa: delikate tuŝa*
*flirtemulo: iu, kiu volas amindumi*
*sin retiri: foriri.*

Kial la herbo estas malseka? Kial la vermo estas ĝoja? Kiun opinion la vermo havas pri si mem? Kiel ĝi aliras la alian vermon? Kion ĝi volas fari? Kial la alia vermo for-rampas, kiam ĝi proksimiĝas al ĝi?

**Rakonto devenanta de miaj prauloj el Baga, mia naskiĝ-vilaĝo**

# ĈASISTO KAJ MORTINTO

Iam estis epoko, kiam homoj kaj mortintoj vidis unu la alian kaj interparolis. Tiel okazis, ke iu ĉasisto kaj iu mortinto estis veraj kaj bonaj amikoj. Kune ili iradis ĉasadi kaj buĉi la bestojn en la granda arbaro. Ĉiufoje post la kaptado la Ĉasisto estis tiu, kiu buĉis la bestojn: antilopon, lupon kaj leporon. La partigo tiel okazis, ke la Ĉasisto donis al la Mortinto ĉiam nur haŭton kaj intestojn de la buĉitaj bestoj.

Iun tagon, frumatene, denove ili kune iris al la arbaro. Kaj jen, tiu feliĉa tago kunigis plurajn bestojn ĉe unu arbo. Kiel kutime, la Mortinto ekvidis ilin la unua, kaj tuj li sciigis pri la evento sian amikon. Bonŝance, la Ĉasisto povis buĉi ĉiun el ili. Post tio kaj la Ĉasisto kaj la Mortinto prenis kaj portis surkape la buĉaĵojn al la loko, kie devis okazi la dispartigo. La Ĉasisto, kiel kutime, donis al la Mortinto haŭton kaj intestojn. Sed nun, la unuan fojon la Mortinto neis, dirante:

"Ho, Ĉasisto, ni longatempe estas sinceraj amikoj kaj kune ĉasadas bestojn. Kaj ĉiam post la buĉado vi donas al mi nur haŭton kaj intestojn. Sed hodiaŭ la kaptaĵo estas tiom abunda, ke mi protestas pro via donaĵo."

Surpriziĝinte, la Ĉasisto respondis: "Kara Mortinto, hodiaŭ vi postulas egal-partigon, ĉu ne? Sed kompreneble, tio neniel povas okazi. Vere, vi kaj mi estas amikoj, kaj mi bedaŭras, ke vi nenion povas buĉi, tamen mi afable donacas al vi ion, kaj jen, tio ne ĝojigas vin! Ho, ekde kiam akvo trinkas akvon?! Do, hodiaŭ mi ne donos al vi ion ajn kaj tiel vi ĝojegos!"

La kompatinda Mortinto klarigis: "Estas vere, ke mi nenion buĉas pro mia malforteco. Sed dum la ĉasado mi estas la unua, kiu ekvidas la bestojn kaj informas vin. Nun mi diras al vi, ke portu viajn bestaĵojn kaj manĝu ilin kune kun via samloĝantaro".

La Ĉasisto furioze respondis: "Eksciu, ke mi tute ne konas vin! Mi neniam iris al vi, vi eĉ ne havas familion, kaj kion vi postulas? Miaflanke, mi havas familion, kiun mi devas nutri!"

"Viajn bestaĵojn kunportu kaj kune kun via sam-loĝantaro manĝu ilin!" ripetis la Mortinto.

La Ĉasisto ridegante prenis la tutan kaptaĵon kaj foriris. Kiam li alvenis al sia vilaĝo, la virinoj kaj infanoj tre ĝojegis. Okazis tie festo kaj la virinoj kuiris ĉion laŭ tre bongusta maniero. Eĉ ĉiu infano de la vilaĝo povis ricevi pecon da viandaĵo. La Ĉasisto mem manĝadis sinforgese.

Sed neatendite, dum la sama nokto li mortis. Lia animo forpasis kaj ankaŭ li fariĝis mortinto kiel lia najbaro. Li vizitis unue siajn pra-gepatrojn mortintajn kaj poste sian amikon, la Mortinton.

"Bonvenon, bonvenon, Ĉasisto! Mi ne esperis vidi vin tiel frue! Vi ja diris ke vi neniam venis al mi. Nun estu bonvena!" Tiel la Mortinto akceptis lin:

"Dankon, amiko mia", respondis la Ĉasisto.

Post kelkaj minutoj da silento la Mortinto decidis: "Nun mi donas al vi manĝaĵon, se vi permesas tion."

"Jes, tre volonte. Vi estas vera amiko." dankis la Ĉasisto.

Tiam la Mortinto eniris la kuirejon kaj alportis al la Ĉasisto teleron. Ekvidinte teleron kun viandaĵo, la Ĉasisto ĝoje saltis sur ĝin, sed konstatis, ke ĝi surhavas nur pecojn da haŭtaĵo kaj intestaĵo. Tiel li ekplendis:

"Amiko Mortinto, kion vi ofertis al mi? Ĉio estas malbonaĵo en mia telero. Mi ne kutimis manĝi tiaĵojn, kiam mi estis surtere."

"Nun, ĉar vi fariĝis mortinto, kiel mi, nun mi ofertas al vi tion, kion vi donis al mi dum-vive post la dispartigo de la buĉaĵoj. Se vi estus doninta al mi almenaŭ pecon da viando, hodiaŭ ankaŭ vi povus manĝi tian." respondis la Mortinto.

La Ĉasisto enpensiĝis kaj konstatis, ke la Mortinto pravas. Li pardonpetis. La sorto kiun suferis la Ĉasisto, instruis al li — kaj same al ni — la jenan moralon: *Neniam malestimu vian proksimulon, ĉar eblos, ke li iam multe helpos vin.*

*Sambar-Bana, Rikardo*
*B.P. 41, Sokode, Togo.*

**epoko:** longdaŭra tempo
**buĉi -on:** mortigi vivulon per tranĉo
**partigo:** disigo
**haŭto:** ekstera kovraĵo de korpo
**intesto:** tubo-forma organo en korpo
**abunda:** ege multa
**postuli -on :** insiste voli ion
**afable:** bonkore
**kompatinda:** inda je kunsento
**furioze:** forte, kolere
**nutri -on:** manĝigi iun.
**bonvena:** kore akceptata
**konstati:** kompreninte rekoni
**plendi:** esprimi malkontenton
**oferti -on:** donace proponi ion.
**moralo:** etika instruo



# Rondvorto

**kun dudek kvin ok-literaj solvoj**

Punkteto indikas la lokon, kie staru la unua litero de la vorto. La literojn de la vorto vi skribu laŭ la direkto de horloĝa irado. La apuda ekzemplo montras tion por la vorto SONORILO:




Se ne staras alia indiko (interkrampe) la vorto estas sep-litera substantivo kun ĝia o-finaĵo (do, ok literoj entute).



1. Tre longa kura konkurso (ĉ. 42 km.) kun greka origino.
2. Flugo-pova besto, mamulo, kiu pendas de branĉoj per ungoj kaj navigas sin per radaro (ultra-sono).
3. Formularo, per kiu oni akiras informojn aŭ opiniojn de multaj personoj.
4. Dolĉa, kutime bruna, bongusta manĝaĵo farita el kakao.
5. Granda muzikistaro, kiu ludas klasikan muzikon.
6. Timiga natura fenomeno, kiam la grundo moviĝas.
7. La sezon', kiam varmiĝas kaj la frukt-arboj ekfloras. (radiko).
8. La dekunua monato de la jaro.
9. Movas sin strategie. Soldatoj faras tion. (verbo en nuntempo)
10. Tion oni uzas por filmi scenojn kaj okazaĵojn. (akuzativa substantivo)
11. Persono, kiu ritme bruas dum la dormo pro blokita nazo.
12. Daŭre pafi per granda malnova kastela aŭ ŝipa armilo. (verbo en infinitivo kun sufikso).
13. Ilon, kiun oni uzas por resti seka, kiam pluvas. (akuzativa substantivo)
14. Infan-grup' — neniu el ili iĝos patro. (radiko kun sufikso)
15. Cigaredo, cigaro ktp.
16. Brava naĝanto ne hezitas, sed kuras al la naĝejo kaj tuj ________. (verbo en la nuntempo kun prefikso).
17. Manĝaĵo, nomita laŭ brita lordo, kiu konsistas el du panpecoj, inter kiuj kuŝas iu bongustaĵo, ekz. fromaĝo, laktuko, ŝinko, konfitaĵo...
18. Tion oni faru al la piedoplandoj de iu, por ke ili daŭre kaj senhalte ridu. (akuzativa substantivo kun sufikso)
19. Kalkuli daŭre aŭ long-tempe (infinitiva verbo kun sufikso)
20. Lok' kie trajnoj haltas. (substantiva radiko, sen finaĵo)
21. Flag', kiel simbolo por nacio, urbo, religio, ktp. (radiko)
22. Homo, kiu lernas, ekzemple en universitato aŭ kolegio.
23. Presita peceto da kartono, per kiu homo prezentas sin (kunmetita substantivo, 3+5)
24. Valora blu-verda gemo el aluminia kaj berilia silikato: $Be_3A_{12}Si_6O_{18}$.
25. Densa konfitaĵ'. (radiko).

**Konkurso:** Skribu la komenc-literojn de ĉiuj 25 vortoj en ilia numerigita ordo. Ene troveblos unu tri-litera radiko (best') kaj unu kvar-litera radiko (lerneja afer'). Skribu la solvojn ĉi tie, kaj sendu ilin sur poŝtkarto al la nova redaktoro. Indiku vian aĝon kaj plenan adreson!

□□□ □□□□

# Deziras korespondi...

## Francio

Klaso de 8-9-jaraj infanoj dez. kor. kolektive kun similaj klasoj aŭ kluboj el ĉiuj landoj (IĈLM): Ecole publique de LIMEYRAT, FR-24210, FRANCIO.

## Irano

Afshin Rasoulian, No.14, Homayun Lane, SH. Rajayi Street, Bahar Square, IR-69156 Borujerd. 25-jara studento, dez. kor. tm. pri ĉ.t. Respondo garantiata.

Babak Rasoulian, P.O.BOX 165, IR-69156 Borujerd. 26-jara studento, dez.kor.tm. pri ĉ.t. Respondo garantiata.

Ŝhahrjar Babazade, N,8-k, Golha-k, Shakaafeh, kh, Nastaran 1, kh, Jannatabad, Aiatollah Kashani Freeway, Tehran. 30-jara hospitalano, sola studinto dez. kor. tutmonde por plu-studi Esperanton.

## Italio

11-jaraj lernejanoj dez. kor. grupe aŭ individue kun samaĝuloj. Skribu al: Padre Quirino Salomone, Centro Celestiniano, Piazza Collemaggio, Santa Maria di Collemaggio, IT-67100 L'Aquila.

## Litovio

Saulius Rutkauskas, Rumoku kaimas, Zaliosios paštas, Vilkariškio rajonas. 17-jara junulo, ŝatas aŭskulti modernan muzikon kaj legi librojn.

## Makedonio

Marija Atanaskovic, "Leninova" 25, MK-91000 Skopje. 18-jarulino dez. kor. pĉt.

Emilija Gurĉinovska, "Metodi Mitevski" 11-4/1, MK-91000 Skopje. 19-jarulino dez.kor. pĉt.

## Pollando

Lukasz Sokól kaj Alina Sokól , ul. Zielinskiego 5A/5, PL-41703 RUDA SL. 17-jara knabo kaj 10-jara knabino dez, kor, kol. pm. (Nova adreso!)

## Rusio

Lena Mikeeva, St. Matrosova 12A-47, RU-660016 Krasnojarsk. 14-jara junulino. Hobio: fremdaj lingvoj. Ŝatas danci kaj aŭskulti muzikon; kolektas poŝtmarkojn kaj bildkartojn.

## Svedio

Dek unu lernantoj (10-jaraj) komencis E-kurson post la lernejaj lecionoj, dez. kor:: Bergfotens Skola, Bergfotensvägen 2, SE-135 37 Tyresö.

Antaŭaj lernantoj el Stimmat transiris al: Forellskolan, Bollmoratorg 7, SE-135 40 Tyresö. Dez. kor.

**Ni aperigas korespondpetojn de junuloj kaj instruistoj senpage. Bonvolu skribi la peton kaj adreson tre klare, prefere sur aparta paperpeco. Nepre respondu al ĉiuj, kiuj skribas al vi!**

Ekde nun bonvolu sendi viajn korespond-petojn al nia nova redaktoro:

s-ro Géza Kurucz,
Nyíri út. 11
HU-6000 Kecskemét
Hungario.

Petoj survoje al Budapeŝto aŭ Érd estos plusenditaj.

**La plej aktuala, utila kaj tutmonda gazeto por lernantoj**

# juna amiko



- ➢ servas al legantoj en pli ol sepdek landoj
- ➢ eniras sian 25an jaron da aperado
- ➢ reprenas sian inaŭguran redaktoron!

Jen unikaĵo! La revuo havis nur tri redaktorojn en sia 24-jara vivo. La nuna demetas la plumon (fakte... komputilan klavaron kaj muson) post dek-jara servado. Ekde 1997 la nova redaktoro estos s-ro Géza Kurucz, kiu havas abundan sperton por la tasko, ĉar li redaktis ĝin inter 1972 kaj 1982. Jen citaĵoj el la bazaj principoj, kiujn li verkis kaj aplikos al la revuo:

> "Necesas ree konsistigi internacian redakcion. Tia kolektivo estas plej bona garantio pri freŝeco kaj fidindeco de la enhavo."

> "Mi opinias, ke nuntempe ni devas celi pli larĝajn aĝo-grupojn, inkluzive junajn eksterlernejajn komencantojn, parte reirante al la tradicio de *La Juna Vivo* kaj *La Praktiko*."

> "Ilustraĵoj kaj fotoj estas nemalhaveblaj."

# ilei



> "La lingvaĵo devas esti kiel eble plej simpla. Tio ne signifas malprofundecon de pensoj. En la revueto estu uzataj (sen piednotoj) nur la plej oftaj vort-radikoj."

"La revuo ĉiam sugestu novajn ideojn al instruistoj kaj -antoj, sed privilegiu neniun el diversaj metodoj, ĉar nur abundo de la aplikataj rimedoj povas doni bonajn rezultojn."

"Ju pli varia estas la enhavo, des pli multaj instruistoj kaj legantoj sentas la revuon sia propra, ĉar preskaŭ ĉiu trovas por si ion interesan aŭ amuzan. Tial, estos utile reiri al la iamaj rubrikoj:

- Landoj de la mondo
- Poezio
- Bel-literaturo proza
- Ludu
- Enigmoj
- Esperanto signifas por mi...
- Deziras korespondi
- Interesaĵoj
- Humuro
- El la historio de nia movado
- Aktualaĵoj
- Konkursoj
- Elektita diskut-temo."

Viaj kontribuaĵoj restas ĉiam bonvenaj. Sendu ilin (laŭeble kun nigra-blankaj desegnaĵoj aŭ fotoj) al:

**Redaktoro:** s-ro Géza Kurucz
Nyíri út. 11
HU-6000 Kecskemét
Hungario.

Daŭre kontribuos al la revuo la ĝisnunaj helpantoj kaj redaktoro. Tiu plue administros kaj ekspedos la revuon. Do, ĉio administra (abonoj, mendoj, petoj por specimenoj, adres-ŝanĝoj, plendoj pri ne-ricevo ks) iru **ne** al la redaktoro, sed al la konata adreso:

**Administrejo:** Juna amiko
pf. 193
HU-1368 Budapest
Hungario



INFANOJ ĈIRKAŬ LA MONDO

La nuna rubriko por etuloj, *Infanoj Ĉirkaŭ la Mondo* plue aperados.

**Ni havas kvin tarifo-grupojn — niaj abonoj varias laŭ la malsama pagi-povo de homoj tra la mondo, por ke nia legantaro estu vere tutmonda. Jen la adresoj kaj kotizoj de niaj perantoj. Post la tri-litera valuta kodo (ekz. NLG por nederlandaj guldenoj) staras tri ciferoj. La unua cifero estas por unuopa jarabono (4 numeroj). La meza cifero estas la po-abona kosto por 2 ĝis 9 ekzempleroj, kaj la lasta cifero estas la po-abona kosto por 10 aŭ pli da gazetoj sendendaj al unu adreso.**



## PERANTOJ

**Internacia:** ILEI, B. Andreasson, Södra Rörum, pl. 455, SE-242 94 Hörby, Svedio. Akceptas en svedaj kronoj aŭ internaciaj respond-kuponoj (IRPK) la abonon laŭ via enlanda tarifo. Akceptas kvant-rabatojn. Pĝk. 147429-5.

**Internacia:** Universala Esperanto-Asocio, Nieuwe Binnenweg176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando (pĉk. 378964). NLG 19. La abonservo akceptas nur plentarifajn abonojn. Ni ricevas informojn pri abonservaj mendoj. Se vi nur petas enpagon al la konto de *Juna amiko* (juna-l) ni ne ricevas informojn pri tio. Bv. mem skribi al la administra adreso en Budapeŝto pri ĉiu tia enpago kun ĉiuj rilataj informoj.

*Tarifo 1: Plena. Aere ekster Eŭropo*

**Aŭstralio:** AEA-Libroservo, P.O. Box 230, *Matraville*, NSW. AUD: 15, 11; 8. Aere.

**Aŭstrio:** Leopold Patek, Martinstr. 104/38, AT-3400 Klosterneuburg. ATS: 120; 100, 70.

**Belgio:** Flandra Esperanto-Ligo, Frankrijklei 140, BE-2000 *Antwerpen*. BEF 320, 260, 200.

**Britio:** P. Hewitt, 26 Highfield Rd, North Thoresby, Great Grimsby, South Humberside, DN36 5RT. GBP 7, 5.50, 4.

**Danlando:** Wolfgang Kirschstein, Hvedebjergvej 30, DK-8220 Braband.

**Finnlando:** Sylvia Hämäläinen, Teivaalantie 85, FI-33400 Tampere. FIM 50, 40, 30.

**Francio:** UFE, 4 bis, rue de la Cerisaie, FR-75004 Paris. *aŭ* Jorgos Comte, St. Felix de Rieutort, FR-09120 Varilhes. FRF 55, 45 30.

**Germanio:** Esperanto-Centro Paderborno, Postfach 1450, DE-33044 Paderborn. DEM 17, 13, 9. *aŭ* 'Espero', Rolf Beau, Saxoniastr. 35, DE-04451 Althen. (tarifo por loĝantoj de la orientaj landoj: DEM 10; 8; 6).

**Hispanio:** Armadans i Marfa L., Pl. Sagrada Familia 4, 4t, 3a, ES-08013 Barcelona *aŭ* Francisco M. Muñoz Garre, Camino del Carcanox, s/n, ES-30580 Alquerias (Murcia). ESP 1000, 800; 600.

**Islando:** Islanda Esperanto-Asocio, Pk. 1081, IS-121 Reykjavik. Aere. Laŭ guldena tarifo.

**Italio:** Carla de Lorenzi, Via Boston 65, IT-10137 Torino (konto 33868100). ITL 18000; 14000; 10000.

**Japanio:** Nakano Humiko, Sakura-tyo 1-10-4, *Koganei-si, Tokyo 184. aŭ* Reza Hejrha, C.P. 405, Tokyo 100-91. JPY: 1100; 900; 600. Aere.

**Kanado:** Merle Haltrecht-Matte, 7083 rue Notre Dame, Orléans, Ontario, K1C 1J1. Aere. CAD 15, 11, 8.

**Nederlando:** Hans ten Hagen, Middenweg 587, NL-1704 BH Heerhugowaard. Pĝk: 6808931. NLG: 19, 15, 10.

**Norvegio:** Eldonejo de NEL, Olaf Schous vei 18, N-0572 Oslo. NOK 75, 60, 40.

**Nov-Zelando:** Kontaktu s-inon G. Sutton, 12C Herbert Gardens, 186 The Terrace, Wellington 1 aŭ la ĝisnunan redaktoron! . NZD 15, 11, 8.

**Portugalio:** Portugala Esperanto-Asocio, Rua Dr. João Couto 6, R/C A, PT-1500 Lisboa. PTE 2100, 1800, 1600.

**Svedio:** Lisbet Andreasson, Södra Rörum, pl. 455, SE-242 94 Hörby. SEK: 85, 65, 45. Pĝk. 147429-5.

**Svislando:** Provu ĉe Christoph Scheidegger, Im Schleedorn 6, CH-4224 Nenzlingen. CHF 14, 10, 8. Se tio ne funkcios, tra UEA aŭ Svedio.

**Usono:** ELNA, P.O. Box 1129, El Cerrito, CA 94530. USD 12, 9, 6. Aere.

***Tarifo 2: Latinameriko kaj pliaj. Aera sendo. NLG: 9, 7, 5. USD: 6, 4.50, 3***

**Argentino:** Roberto Sartoro, C.C. 344, AR-5000 Cordoba.

**Brazilo:** Brazila Esperanto-Ligo, Caixa Postal 03625, BR-70084 Brasília (DF). Se propono pri kolektiva abono realiĝos, pli avantaĝa tarifo povos ebli.

**Ĉilio:**.Héctor Campos Grez, Casilla 231, Curico; ĉekkonto 425-000-74391 ĉe Banco del Estredo de Chile.

**Israelo:** Josef Murĵan, pf. 1289, IL-61012 Tel Aviv.

**Kolombio:** Santiago Alvarez, Apto. Aereo 54-800, Bogota 2.

**Koreio:** Librejo GAJA, s-ro Lee Jung-Kee, C.P.O. Kesto 3047, Seoul KR-100-630; tel. (822) 585-8841.

**Venezuelo:** J.E. Bachrich, Apdo 70782, Caracas 1071 A.




***Tarifo 3: Ne-najbaraj landoj. DEM: 6, 4.50, 3,50. USD: 5, 4, 3. NLG: 7, 5.50, 4. HUF: 600, 450, 350. IRPK: 7, 5, 4.***

**Bulgario:** Mankas peranto. Pagu rekte al Budapeŝto aŭ Svedio.

**Ĉeĥio:** Vlada Hasala, A. Dvoráka 1, CZ-696 62 Stráznice. CZK 125, 95, 70.

**Ĉinio:** Zhang Danchen, Gong Wai Xi, Shifan Daxue, Wuhan,Huazhong.

**Estonio:** Eva Otse, Juhkentali 30-12, EE-0001 Tallinn.

**Irano:** Morteza Mirbaghian, p/a pf. 193, HU-1368 Budapest, Hungario.

**Kubo:** Kuba Esperanto-Asocio, Apt. postal 2108, La Habana 2. Aere.

**Latvio kaj Litovio:** LEA, ab/k 167, LT-3000 Kaunas.

**Makedonio:** Lenĉe Efremova, "JNA" 63-a, MK-91000 Skopje.

**Pollando:** Neniu peranto funkcias. Pagu rekte al Budapeŝto aŭ Svedio.

**Rusio:** REU, P.O. Box 34, RU-117071 Moskva *aŭ* Halina Gorecka, pk. 67, RU-620077 Jekaterinburg.

***Tarifo 4:Najbaroj de Hungario. DEM: 4.5, 3.5, 2.5. USD: 3.5, 3, 2. NLG: 5, 4, 3. HUF: 450, 350, 250. IRPK: 5, 4, 3.***

**Jugoslavio:** Vojnic Blaŝko, Ferenci Ibolje 31, YU-24000 Subotica.

**Kroatio:** Kroatia Esperantista Unio, Trg Burze 2, HR-41000 Zagreb.

**Rumanio:** Ignatiu Orba, Str. Al. Odobescu 2/34, RO-4800 Baia Mare.

**Slovakio:** Esperanto, Sobotske nam 36, SK-058 01 Poprad. SKR: 120, 90, 70.

**Ukrainio:** Esperanto Centro, P.O. Kesto 4, UA-254200 Kiev.

***Tarifo 5: Hungario: HUF: 360, 280, 220. Unu numero surloke: HUF 55, 45, 35.***

**Molnár Mónika**, Ságvári u. 21, HU-9735 Csepreg (uzu poŝtan ĉe-pordan pagilon; pago-ĉekoj ne estas livereblaj) *aŭ* **Cosoft BT**, Pf. 374, HU-7601 Pécs. Donac-abonoj por eksterlandanoj aŭ por vizitantoj al Hungario: Por najbar-landanoj, laŭ tarifo 4; por ĉiuj aliaj, laŭ tarifo 3.




***ILEI povas akcepti pagon en servoj aŭ varoj nur post anticipa interkonsento.***

# La Poeto de Enigmoj

**Ŝekspiro.** La plej granda angla poeto kaj dramisto (1564-1616; angle Shakespeare). Tiom oni povas legi en *Plena Ilustrita Vortaro de Esperanto* (PIV) pri la homo, kiu estas la temo de tiu ĉi artikolo. Sed kiu li estis? Ĉu fakte li estis tiu? Kion, kiom, kial, kiel li verkis? Kio okazis al li dum la 52 jaroj de la vivo? Pri ĉio ĉi tre malmulte estas sciebla.

Sub lia nomo konserviĝis tridek ok dramoj (kelkaj ne estas aŭtentikaj, kelkajn li verkis ne sola), du longaj poemoj, kelkaj mallongaj (ne tute aŭtentikaj), volumo (entute 154) de sonetoj (dekkvar-versaj lirikaĵoj). Sed ne restis eĉ unu sola manuskripto de tiuj verkoj. La postrestintaj skribaĵoj de Ŝekspiro havas oficialan kaj negocan karakterojn, el ili absolute ne senteblas la genieco de ilia farinto. Ĝuste tial pluraj esploristoj kaj interesiĝantoj pridubis, ĉu vere tiu homo verkis la menciitajn ĉefverkojn? Foje-foje flugas nomoj de samtempaj aristokratoj, kleruloj, kiuj — eble — estis la veraj verkintoj de Ŝekspiraĵoj.

La duboj havas bazon, ĉar fakte ankaŭ nenio, kion ni scias pri tiu William Shakespeare, kiu plej verŝajne tamen estis la verkisto de tiuj kreaĵoj, surhavas signon de genieco. Naskita en la familio de riĉa (poste malriĉiĝinta) gant-faristo, William frekventas la lernejon (*grammar school*) de sia nask-urbeto Stratford-upon-Avon. Estante 18-jara, li edziĝas. Baldaŭ naskiĝas la unua filino, kaj post tri jaroj ĝeĝemeloj. En 1587 li iĝas migranta aktoro (laŭlegende pro malpermesita ĉasado), en 1594 li aliĝas al unu el la londonaj aktor-trupoj, en 1596 li aĉetas al sia patro dokumenton pri nobeleco, samjare mortas lia filo. La sekvan jaron Ŝekspiro aĉetas belan domon por sia familio kontraŭ 60 pundoj. En 1599 estas inaŭgurita Teatro Globe, kies dram-



verkisto, aktoro kaj unu el la posedantoj estas la jam fama William Shakespeare. En 1602 Ŝekspiro 320 pundojn investas en bienon, en 1605 li aĉetas impost-abonon kontraŭ 440 pundoj, por ricevi renton jare po 60 pundoj. Ĉirkaŭ 1610 li rehejmiĝas al Stratfordo, en 1613 forbrulas la ligna konstruaĵo de Globe. En 1616, la 23-an de aprilo, en sia 52-a naskotago mortas la stratforda civitano William Shakespeare, kiu en sia testamento por la edzino Anne postlasis "sian malpli bonan liton".



Tiuj faktoj donas preskaŭ nenion, kio helpus nin en la solvado de Ŝekspir-enigmoj. Ĉu eble la epoko povas doni iom da helpo? Tiun tempon oni nomas "Angla Renesanco", "Tudor-epoko , Epoko de Elizabeta la Unua". Kion signifas tio? Renesanco (el la franca *renaissance* — renasko) estas epoko (de la 13-a ĝis la 16-a jarcento), kiam laŭ la tradicia opinio post la "malluma" Mezepoko revenis la "lumo" de "kleraj" antikvaj tempoj, aperis la vivoĝuo kaj individua pensado post la mezepoka asketismo kaj aŭtoritatismo.

Lastatempe la historiistoj diras, ke Renesanco estis samtempe kulmino de Mezepoko kaj heroldo de Nova Erao. La Angla Renesanco komenciĝas du jarcentojn post la unua, la Itala. Post tio, ke finiĝas la sanga Milito de Rozoj, batalo de du dinastioj (York kaj Lancaster) por la trono de Anglio. En 1485 surtroniĝas Henriko la Sepa, la unua reprezentanto de Tudor-dinastio. Lia filo, Henriko la Oka (1509-1547) ne havanta filon de sia laŭleĝa edzino Katarina de Aragonio, eksedziĝas kontraŭ la malpermeso de la papo, kaj fondas sian propran nacian eklezion, kies ĉefo estas la ĉiama reĝo de Anglio. Tiel aperas la angla protestantismo. Post la morto de Henriko kelkajn jarojn regas lia plej aĝa filino Maria (Sanga Maria), subtenanta la katolikojn, poste lia malfortsana filo Eduardo la Sesa, subtenanta la ekstremajn protestantojn. Fin-fine, la pli juna filino de Henriko, Elizabeta la Unua akiras la potencon (1558-1603). Dum ŝia regado efektiviĝas la ĝis kaj post tiam ne spertebla socia ekvilibro, kaj la kulturo ekhavas tian florepokon, kia tre malofte okazas en la historio de la homaro. Tiu prosperado donas klarigon pri tio, kial kaj kiel povis aperi la Elizabetepoka teatra kulturo, sekve la angla renesanca dramo, sed malpli motivas la kvaliton de Ŝekspira verkaro.

Se oni esploras la pensmanieron de la epoko, oni trovas, ke ĝin karakterizas transiro de "mezepoka" (tradicia) al "moderna" (scienca) mondpercepto. Laŭ la mezepoka pensado en la makro- (granda) kosmo kaj analogie en mikro- (eta) kosmo regas hierarkia ordo. En la granda mondo troveblas "ĉenego de ekzistantoj", en kies supro staras Dio, kaj plej sube la Infero, inter ili la spiritaj ekzistantoj (supre) kaj la materiaj (sube), kaj en la centro de ĉio staras la Homo, kiu parte apartenas al spirita mondo (kiel bildo de Dio), parte al materia mondo (kiel korphavanta animalo). Ankaŭ en la socio estas hierarkio: supre staras la reĝo, sub li la nobeloj, sub ili la aliaj, analogie en la korpo supre la centro, sub ĝi la koro, sub tiu la hepato.

En la 15-16-aj jarcentoj tiu ĉi mondbildo komencas disfali. Pro la malkovro de Ameriko (1492) la Tero iĝis samtempe pli kaj malpli granda. En Eŭropon venas multe da oro, ĝi perdas la valoron samtempe kun tiaj konceptoj kiel amo, fideleco, lojaleco. Koperniko (1473-1543) en la centron de la kosmo starigas la Sunon anstataŭ la Tero. La konebla Dio de mezepoka filozofio malaperas ĉe protestantoj. Johano Kalvino (1509-1564) eĉ parolas pri nekonebla, ne-antaŭ-kalkulebla, nebildigebla Dio. Ankaŭ la sensoj, spertoj perdis sian signifon, same la vortoj, kiuj laŭ la t.n. "nomismo", denove moda en tiu ĉi tempo, estas nuraj nomoj sen realeco.

En la politiko same regas malcerteco. La socio ekkonis tezojn de Niccolo Macchiavelli (1469-1527), laŭ kiu nek la religio, nek la moralo koncernas la naturon de la politiko. La homojn samtempajn kun Ŝekspiro ĝuste tial interesis la problemo de moralo kaj tiu de regado. Ekzemple: kio estas la diferenco inter la fakte kaj jure reganta reĝo?

Solvi tiujn demandojn povis neniu. Sed homo kun grandega dramverkista talento kapablis aperigi ilin sur-sceneje. Ĉar li, Vilhelmo Ŝekspiro sciis: la arto estas spegulo, samtempe la vivo estas teatro. Li eĉ diris: "Tuta mondo estas teatro.".

Por li la samtempa angla teatro donis eblon realigi kaj prezenti sian talenton. La popularaj ("publikaj") teatroj — por ne ĝeni la ordon de la urbo — staris ekster la centro de Londono. Inter 1576 kaj 1600 ekfunkcias ses tiaj el ligno konstruitaj hejmoj de prezentadoj. La plej populara inter ili estis Globe (Globo), la teatro de Ŝekspiro. Tie la granda parto de la publiko staris en la korto sub la ĉielo kontraŭ po unu penio, en etaĝoj, en galerio oni povis sidi kontraŭ po du penioj. Aperis ankaŭ "privataj teatroj", konstruitaj el ŝtono, havantaj tegmenton, en kiuj ĉiu

spektanto povis sidi kontraŭ ses penioj. Tiujn vizitis la pli altaj sociaj tavoloj.

La teatroj malhavis kurtenon, kulisojn, la "publikaj" eĉ lumigadon (la prezentadoj okazis post-tagmeze), ludis nur viroj (la inajn rolojn junaj knaboj). La publiko devis imagi tion, kio ne estis videbla. Oni povas kompreni, kiel efikis en tiu medio la elokventaj vortoj de Ŝekspiro, videbligantaj la nevideblajn pejzaĝojn, komprenigantaj la plej intimajn pensojn kaj sentojn.

Se oni fermas la okulojn, oni povas senti sin en Globe, spektante komedion kiel *Epifanio*, historian dramon kiel *Rikardo la Tria* aŭ *Henriko la Kvina*, tragedion kiel *Romeo kaj Julieta, Hamleto* aŭ *Reĝo Lear*. Interese estas imagi sin en la palaco de la Reĝino kaj kune kun la korteganoj spekti arbarajn feojn kaj metiistojn atenajn en la *Somermeznokta Sonĝo*, verkita por aristokrataro. Same bone estas pense eksidi en la eleganta ŝtona teatro Blackfears kaj vidi la prezentadon de la romaneska teatraĵo, *La Tempesto*.



Du demandoj restis ankoraŭ. La unua: kial Ŝekspiro ne zorgas pri siaj verkoj? Kial li ne protestas, kiam iuj entreprenistoj aperigas fuŝajn eldonojn de liaj verkoj? Kial li ne testamentas pri siaj manuskriptoj? La respondo: tial, ĉar ili ne apartenis al li. Ŝekspiro vendis ilin al sia trupo, al sia teatro. Sed aliflanke (almenaŭ parte) li mem estis tiu teatro! Kaj tio klarigas, kial ekzistas pluraj variantoj de ĉiu Ŝekspiraĵo. Ĉar Ŝekspiro, la teatra direktoro, ĉiam povis mendi version de *Romeo kaj Julieta* de Ŝekspiro, la dramverkisto. Tial iu *Romeo kaj Julieta* ĉiam estis ĉe-mane, dum la *Romeo kaj Julieta* neniam estis preta.

La lasta, plej granda nesolvebla enigmo de Ŝekspiro estas: kiel li kapablas kun la objektiveco de la naturo etendi antaŭ nin sian mondon, kiu estas tortura, trista, sanga, se oni direktas la vidon al la sango kaj la morto, kaj serena, ĝoja, brila, rigardata de alia flanko? Unuvorte, tia, kia la vivo mem. La historiojn, prenitajn el italaj noveloj, kronikoj, malnovaj teatraĵoj, li formis ekscitaj — ridindaj aŭ sangaj — agadoj por la malklera publiko de Globo. Samtempe ĉiu figuro iĝis absolute aŭtentika. Ili aperas en Ŝekspiraĵoj kiel vivantaj homoj.

Se iu konatiĝas kun Ŝekspiro, nenion sciante pri liaj fontoj, pri liaj antaŭuloj, pri la specifaĵoj de la tiutempa angla teatro, tiu sentas, kvazaŭ senbrida natura forto ŝutas antaŭ lin la vivon mem sen ajna formado. Kaj se oni lernis, studis, kion kaj kiom nur eblas pri Ŝekspiro, la sento tamen ne ŝanĝiĝas. Oni spertas, kvazaŭ elementa natura fonto, muĝanta uragano, stentora akvofalo parolas pri la sekretoj de homaro.

*Petro RADOŜ, Hungario*

dramisto: verkisto de teatraĵoj
aŭtentika: fideble originala
manuskripto: originala ekzemplero skribita mem de la aŭtoro
klerulo: instruita homo
ĝemeloj: infanoj naskitaj el sama gravedeco
migranta aktoro: ne-ligita al unu teatrejo
pundo: brita mon-unuo
investi: elspezi monon, kapitalon por produkto-dona celo
bieno: farmo
rento: jara profito de investita kapitalo
asketismo: akiro de anima perfektiĝo per korpaj rigoraĵoj
aŭtoritatismo: senprotesta estimo kaj obeo al potenculoj
kulmino: pinto de iu afero
heroldo: anoncanto de grava novaĵo
dinastio: fama plur-generacia nobela familio
eklezio: religia societo
ekstrema: troige speciala
ekvilibro: bonorda egaleco inter kontraŭaj aferoj
mond-percepto: mond-rigardo
analogie: simile
hierarkio: klasifiko de rangoj aŭ postenoj laŭ gradiga ordo
tezo: tuto de zorge prilaboritaj asertoj
tavolo socia: parto de homoj kun simila socia stato
elokventa: belstile parolanta
korteg-ano: nobelulo apartenanta al reĝa palaco
stentora: fort-voĉa
uragano: grandega ŝtormo









# 2A EŬROPA ESPERANTO-FESTIVALO

Budapest, 1997 aŭgusto 1/8




Varia kultura kaj turisma programo. Lingvokurso por komencantoj kaj progresantoj.

**Ĉeftemo:**
***Komunikado en internaciaj organizoj.***

Aliĝkotizo varias de 18 ĝis 38 gld laŭ landoj.
Loĝado de 9 gld/persone/nokte.

**Partoprenkotizo** por la tuta semajno:
- kun loĝado en dulitaj dustelaj hoteloj: 530 gld.
- kun loĝado en dustelaj turistaj hoteloj: 330 gld.



## turisma gvidilo aperis pri Hungario por 1996/97

Bonvena signo de bonaj kontaktoj kun oficialaj instancoj estas la apero de Esperanta eldono de 48-paĝa poŝforma turisma gvidilo. Ni planas aldoni ekzempleron al ĉi tiu *Juna amiko* por niaj eŭropaj legantoj (kie tio ne altigos la afranko-koston). Se vi ricevos kaj ĝuos la gvidilon, sendu gratul-letereton aŭ poŝtkarton en Esperanto aŭ alia lingvo al: Hungara Turisma Servo A.K., Pf. 447, HU-1537 Budapest, Hungario. Se vi ne ricevis la gvidilon, petu ekzempleron de tiu adreso.



**Fama Persono:**

# William Harvey – fiziologo (1578-1657)

William Harvey, la elstara angla fiziologo, kiu eltrovis pri la cirkulado de la koro, naskiĝis en 1578 en la urbeto Folkestone, Anglujo. La renoma verkaĵo de Harvey, titolita *Anatomia Traktaĵo pri Funkciado de la koro kaj Sango en Animaloj*, eldonita en 1678, estas eble la plej grava libro en la historio de fiziologio. Ĝi estas efektive la komenco de la moderna scienco de fiziologio. Ĝi gravis ne nur pro sia praktika uzebleco, sed ĝuste pro tio, ke ĝi ebligis bazan orientiĝon pri funkciado de la koro.

Al ni, nuntempuloj, la scio ke la sango cirkuladas tra la korpo, estas akceptita kiel fakto, kaj la teorio de Harvey ŝajnas tute evidenta. Sed tio ne estis evidenta al la biologoj en la komencaj jaroj de la 17a jarcento. Tiutempe ili havis diversajn teoriojn pri tiu temo. Kelkaj el tiuj estis ke: nutraĵoj konvertiĝas en sangon de la koro; la koro varmigas la sangon; la arterioj estas plenigitaj de aero; la koro faras vivan animon ktp.

Galerio, la plej elstara fiziologo en la antikva mondo, dis-sekcis multajn kadavrojn kaj pensis zorge pri funkciado de la koro kaj la angioj, sed li havis neniun koncepton pri la cirkulado de la sango. Nek Aristotelo, unu el kies ĉefaj studoj estis biologio, sciis ion pri la koncerna problemo. Eĉ post la eldono de la tezo de Harvey, multaj fiziologoj rifuzis akcepti la koncepton ke la sango estas konstante recirkuladanta tra malfermita sistemo de angioj, kun la koro kiel la fort-povo por la cirkulado de la sango.

Per simpla kalkulado Harvey gajnis la nocion, ke la sango cirkuladas tra la korpo de la homo kaj besto. Li taksis, ke la koro pumpas proksimume po du uncojn da sango per ĉiu pulso. Ĉar la koro pulsas po 72 pulsoj ĉiuminute, per simpla kalkulado li konkludis, ke dum unu horo proksimume 540 funtoj da sango estas pumpita de la koro en la aorton. Sed, kompreneble, 540 funtoj pezas pli ol la homa korpo. Tre rapide evidentiĝis al Harvey, ke la sama sango konstante recirkuladas tra la koro. Post la formulado de ĉi tiu hipotezo, li pasigis pli ol naŭ jarojn en metoda provado kaj eksperimentado por kontroli, pruvi kaj zorge observi la detalojn pri la cirkulado de la sango.

En sia verko Harvey asertis, ke la arterioj kondukas la sangon el la koro, kaj la vejnoj kondukas ĝin al la koro. Sen mikroskopo li ne povis vidi la kapilarojn, la etajn angiojn, kiuj kondukas la sangon el la plej malgrandaj arterioj al la vejnoj, tamen li ĝuste supozis ilian ekziston. (La

kapilaroj estis eltrovitaj de la itala biologo Malpighi, kelkajn jarojn post la morto de Harvey.)

Harvey asertis ankaŭ ke la funkciado de la koro estas pumpi la sangon en la arteriojn. Pri tio, same kiel pri ĉiuj ĉefaj punktoj de sia teorio, Harvey estis plejparte ĝusta. Krome li prezentis grandan amason da eksperimenta pruvo kun zorga rezonado por subteni sian teorion. Komence tamen lian teorion firme kontraŭ-staris multaj homoj, sed ĉe la fino de lia vivo ĝi estis ĝenerale akceptita.

Harvey interesiĝis ankaŭ pri embriologio. La verkaĵo *Pri Generado de la Animaloj* (1651) marŝas la unuan paŝon en tiu scienco. Same kiel Aristotelo, kiu multe influis lin, Harvey ne akceptis la teorion pri "Preformacio", la hipotezo, laŭ kiu la embrio eĉ ĉe sia plej frua etapo havas la saman tutan strukturon kiel la plenkreska animalo, nur estas malpli granda. Harvey ĝuste asertis, ke la embrio iom-post-iome disvolviĝas ĝis plenkreskeco.

La longa vivo de Harvey estis interesa kaj sukcesa. Dum nura adoleskanto, li studis en la Universitato de Kembriĝo (Cambridge). En la jaro 1600 li iris al Italujo por studi medicinon en la Universitato de Paduo, dum tiu epoko verŝajne la plej elstara medicina fakultato tutmonde. (Oni notu, Galileo estis ĝia profesoro dum la studado de Harvey, sed ne estas konate, ĉu ili iam renkontiĝis.)

Reirinte al Anglujo li estis longtempa kaj sukcesa kuracisto, inter kies pacientoj apartenis eĉ la Reĝo Jakobo, Francis Bacon ktp. Harvey lekciis pri anatomio ĉe la fakultato de la kuracistoj en Londono kaj estis iufoje ĉef-kuracisto ĉe Hospitalo Sankta Bartolomeo en Londono. Post la eldono de la verkaĵo pri la cirkulado de la sango en 1628, la renomo de Harvey disvastiĝis tra Eŭropo. Havinte 79 jarojn, Harvey mortis, seninfana edzo, en Londono en 1657.

*Robert Robinson, Melburno, Aŭstralio*



fiziologo: sciencisto, kiu studas la funkciadon de homaj kaj bestaj korpoj
dis-sekcii: dis-tranĉi korpon por akiri informojn pri ĝi
angio: tubo tra kiu fluas sango: arterioj kaj vejnoj
unco: malnova mezuro de pezo (28 gramoj)
funto: malnova mezuro de pezo ( 454 gramoj)
lekcii: prelegi en universitato
hipotezo: ideo aŭ pretendo, kiu ne estas certa kaj pruvita ankoraŭ
teorio: simila al hipotezo, sed pli detale elpensita
aserti: pretendi, insisti, diri ke tiel estas io
disvolviĝi: evolui, malrapide ŝanĝiĝi
adoleskanto: homo inter 13- kaj 20-jara

cirkuli: rond-iri
konvertiĝi: ŝanĝiĝi
animo: spirito
nocio: ideo, koncepto
renomo: famo
generado: reproduktado

## Ĉiu fama kantisto volas esti rekonata!

***Fama kantisto Ŝrikavoĉ revenas al la podia pordo de sia koncertejo.***

**Rilo:** Pardonu, vi ne rajtas enveni! Vi ne havas permesilon!
**Ŝri:** Sed Grego, mi lasis ĝin ene. Ĉu vi ne rekonas min?
**Rilo:** Ne. Mia tasko estas protekti mian mastron de stranguloj kiel vi!
**Ŝri:** Sed Grego, mi ***ne*** estas strangulo. Mi konas vian nomon!
**Rilo:** Facile estas eltrovi mian nomon. Mia mastro devas konstante kaŝi sin, por ke stranguloj kiel vi ne rekonu lin.
**Ŝri:** Precize! Mi eliris antaŭ dek minutoj por aĉeti novan perukon!
**Rilo:** Ha! Ĉiu povas aĉeti malbelan perukon kaj diri tion.
**Ŝri:** Grego, mia koncerto komenciĝos post dek minutoj. Enlasu min!
**Rilo:** Ĉiu scias la komenc-horon de la koncerto. Vi volas senpage enveni.
**Ŝri:** Kompreneble! Sen mi, ne estos koncerto. Iru rigardi! Mi mankas.
**Rilo:** Vi estas ruzulo! Se mi foriros, vi tuj envenos.
**Ŝri:** Aŭskultu, mi estas via mastro, mi estas Ŝrikavoĉ, kun peruko, kaj sun-okulvitroj. Mi kantos por vi: "Hela flamo, bela amo, ..."
**Rilo:** Ha, kiu ajn povas false kanti. Mi estas lojala gardisto!
**Ŝri:** Vi estas *tro* lojala. Grego, mi maldungas vin!
**Rilo:** Ha, kiu ajn povas diri tion! Mi rifuzas maldungiĝi. Mia mastro klare instrukciis al mi ne kredi al stranguloj kun absurdaj rakontoj!
**Ŝri:** Tio estas vera. Mi ja diris tion. Ve! Mi ĉiam timis la tagon, kiam mi ne plu estos rekonata... sed de mia propra gardisto! Ve! *(ekploras)*
**Policisto** *(alvenas)***:** Kio okazas ĉi tie? Ĉu malordo aŭ disputo?
**Ŝri:** Bone, ke vi venis. Mi estas la monde konata kantisto, Ŝrikavoĉ. Mi devas ek-kanti post d... naŭ minutoj. Li rifuzas enlasi min!
**Rilo:** Jen mia gardista atestilo. Tiajn trompulojn ni regule renkontas.
**Policisto:** Jes, sendube. Mi vidis la afiŝojn de Ŝrikavoĉ. Tute alie li aspektas! Sinjoro, ne rezistu! Ni iros kune al la policejo! *(prenas lin).*
**Ŝri** *(forportata)***:** Ne, vi ĉiuj eraras! Mi portas kaŝilojn. Mi ***estas*** mi!

***Ŝri sidas en policeja ĉelo kun lito, seĝo, kaj radio. Li enŝaltas la radion.***

**Radio:** ...Novaĵo el la koncerto de Ŝrikavoĉ, raporto de Mik Rofon!
**Ŝri:** Serĝento! Venu! Vi mem aŭdos, ke mi mankas!Venu! Aŭskultu!
**Radio:** ... la mirinda koncerto komenciĝis! Kia koncerto! Ŝri tute alie aspektas! Oni raportas, ke li eliris aĉeti lastmomente novan perukon! Kaj la voĉo — tute ŝanĝita kvalito: nove ekscita, vibro-plena! Brila kaj freŝa trarompo en la kampo de pop-muziko!
**Ŝri:** Kio!? Kial ne nuliĝis la koncerto!? Kiu kantas tie anstataŭ mi!?
**Radio:** ..plej sensacie: nova traf-kanto, kun titolo: *'Mi, gardisto ne plu!'*

*smg*



# Gogo la testudo **de Martin Weichert**

Aktivaj esperantistoj partoprenas en multaj kunvenoj, seminarioj kaj tendaroj. Unue, oni plen-skribas aliĝilon, poste oni ricevas unuan kaj eble duan informilon. Sed multaj esperantistoj opinias, ke ĉiu dokumento en Esperanto estas sankta, kaj ne povas forĵeti ion ajn!




# Klubo de legantoj

Revenas la rubriko! Tie ĉi estas skribitaj kelkaj frazoj dividitaj en du partoj. Sed ŝajnas, ke la frazoj estas malĝuste kunigitaj. Ĉu vi kapablas kunigi ilin ĝuste?

A: Per razilo la viroj
B: Per sapo kaj akvo homoj
C: Per aŭtomobiloj ŝoforoj
Ĉ: Per okulvitroj iuj homoj
D: Per skrib-maŝino aŭtoroj
E: Per najloj oni
F: Per manĝiloj oni
G: Per troleo oni
Ĝ: Per skio oni
H: Per kombilo oni
Ĥ: Per tranĉilo oni

1: tajpas siajn literaturajn verkojn.
2: veturas al celo, foje kun pasaĝeroj.
3: metas manĝopecojn en la buŝon.
4: liveras elektron al vapor-lokomotivoj.
5: razas sian barbon.
6: pli facile moviĝas sur neĝo aŭ glacio.
7: lavas sian korpon.
8: kombas siajn harojn.
9: vidas ĉirkaŭajn objektojn kaj legas.
10: tondas paperon, ŝtofon ktp.
11 kunigas malmolajn materialojn.

Post ĝusta kunigo de la dividitaj frazoj, vi trovos neĝustan aserton, kiun vi devas korekti. Sendu vian solvon ĝis la apero de la nova numero de *Juna Amiko* rekte al la adreso: Josef Chvosta, Dr. Horákové 16.268, CZ-29001 Podebrady, Ĉeĥio. Ĉiu solvo estos rekompencita per esperantaĵoj, belaj vidaĵ-kartoj aŭ interesaj informoj.

# LA METI-LERNANTO

## juna helena kuracisto rakontas

de Steĉjo Norvell, Kanado

Mi tute ne komprenas la decidojn de la dioj, nek la farojn de la parcoj*. Ĉu la Parco, Atropo*, nur blinde kaprice tondas la fadenon de la vivo? Kial meritoplena homo, ankoraŭ en la mezo de utila kaj sindona vivo, devis morti, kaj maljuna mizerulo, almozulo kaj probabla ŝtelisto, povas pluvivi? Multe da mistero-plenaj aferoj mi jam vidis dum la jaroj kiam mi servis mian majstron, Patroklo, kaj ju pli da mirigaj aferoj mi vidis, des pli da demandej ĉiam disvolviĝis en mia menso.

Jam en la unuaj jaroj, kiam mi devis balai la plankojn, purigi la domon, lavi la vestojn kaj ordigi la ilojn de mia majstro, mi havis okazon ekvidi strangajn kaj nekutimajn aferojn. Iam mia majstro ordonis min tuj porti grandan basenon de malvarma akvo. Enirante la konsult-ĉambron, mi vidis plorantan virinon kies bebo terure skuiĝis. Tuj mia majstro mergis la nudan korpon de la eta kompatindulo en la likvaĵon kaj verŝetis akvon ankaŭ sur ties kapon. La atako ekĉesis kaj la etulo fariĝis preskaŭ normala. Mia majstro nomis tion 'konvulsio pro febro'. Post nur kelkaj tagoj mi hazarde ekvidis pacienton, dekkelk-jarulon, kiu simile skuiĝis, sed Patroklo faris nenion krom ŝtopi tukon inter la mordantajn makzelojn. Post kelkaj minutoj la atako ĉesis kaj la paciento dormis. Mia majstro klarigis al la patro kiu estis kunportinta sian filon ĉi tien: "Tio estas la sankta malsano* — ne resanigebla, sed vino estas evitinda por via filo."



Mi vidis virinon kiu suferis la krabmalsanon*. Unu mamo tute malaperis kaj la tuta brusto, inkluzive la kontraŭa mamo, estis tegita per ruĝaj tuberetoj. Mi vidis viron kun ĝib-dorso tiel kurba, ke li devis ĉiam rigardi al la tero, kaj li tute ne povis uzi, eĉ ne movi, la krurojn[1]. Mi vidis virinon kun hida vizaĝo kies fingroj mallongiĝis kaj preskaŭ malaperis[2]. Ĉion ĉi kaj multon pli mi jam vidis, eĉ antaŭ ol mi farigis la ĉeflernanto kaj

* Vidu la glosojn kaj klarigojn ĉe la fino.

gajnis la rajton ĉiam stari ĉe mia majstro por helpi lin en la konsult-ĉambro kaj kuniri kun li kiam li vizitis pacientojn iliadome.

Feliĉaj estas la adeptoj de Asklepio*! Mi ne ĉiam pensis tiel. Kiam mi ankoraŭ estis bub-aĝa, mia patro devigis min lerni legi, kaj li mem instruis min. Tiam ŝajnis al mi sensencaĵo: miaj amikoj ne devis tiel malŝpari la tempon; ordinaraj homoj, soldatoj, eĉ reĝoj, ne devas legi. Mi pensis tiam, ke legado estas afero nur por filozofoj, pastroj kaj merkatistoj. Tamen mia patro, ĉiam obstina, persistis. Kiel li lernis, mi tute ne scias, ĉar li estis filo de liberigito el sklaveco, kaj ni estis malriĉaj. Poste mi komencis ĝui mian novan lego-lertecon kaj ami librojn pro la informo, la scio, la faktoj pri homoj, pri la dioj, pri la mondo, eĉ pri la mondo ekster Helenio. Nur tiam mi komencis pensi pri la vivlaboro. Mia patro estis nur ĉionfaranto por riĉulo, tamen mi pensis pri laboro por helpi la homaron, fariĝi eble instruisto aŭ filozofo. Mi iam eĉ pensis fariĝi matematikisto, sed mi rezignis pri tio, ĉar ofte estis malfacile por mi kompreni la konsekvencan rezonadon de Pitagoro* kaj Demokrito*.

Kiam mi aĝis dek tri jarojn, en neordinare malvarma vintro, mia patrino subite malsaniĝis. Ŝi suferis gravan, sekan febron kaj baraktis por spiri. Eĉ la muskoloj de la kolo laboris por ĉiu enspiro, ŝia sputaĵo estis rust-kolora kaj ŝia haŭto iom bluiĝis[3]. Kvankam ni estis nur simplaj homoj, mia patro iel persvadis Patroklon (mem) viziti ŝin. Tre maltrankvile mi gvatis lin. Longe li pridemandis mian patrinon pri la simptomoj. Sekve li ekzamenis ŝian bruston per la fingroj kaj per la orelo premita kontraŭ ŝia dorso. Li donis al ŝi medikamenton por trinki, kaj ŝi dormis. Poste li parolis al mia patro: "Baldaŭ venos krizo kiam la febro maksimumiĝos. Tiam aŭ ŝi mortos, aŭ ŝi ekŝvitos, la febro ekmalaperos kaj ŝi vivos." En la noktomezo, kiam ŝi subite komencis abunde ŝviti, mi ploris pro ĝojo. En tiu momento mi sciis mian vivcelon.

Mi legis ĉion pri Asklepio, Hipokrato* kaj aliaj famaj resanigistoj. Mi vizitis la Asklepiejon, la templon de resanigo, kaj studis la enskribaĵojn sur la votaj tabuloj*. Mi petis informon de la filozofoj en la agoro. Mi avidis ĉion scii pri la resanigaj artoj. Kiam mi aĝis dek ses jarojn, mia patro venigis min al Patroklo por proponi stud-servon. Patroklo dum longa tempo pridemandis min, kaj finfine li diris: "Do, vi deziras fariĝi kuracisto, ĉu ne?" "Ne, sinjoro, mi deziras fariĝi jatro*!" Mi bone sciis, ke estas multe da

vagantaj kuracistoj en la urbo: iuj rektigas frakasitajn ostojn, iuj vendas senutilajn medikamentojn, iuj ĉesigas la sangofluon per sorĉ-kantoj, kaj aliaj senhonte trompas la trokredemulojn. Tamen, jatro, kiel Patroklo, apartenas al tute alia rango; li studas la rilaton inter la paciento kaj la malsano kaj preskribas rimedon por resaniĝo el profunda kompreno kaj el la sciaro transdonita de instruisto al studanto dum centoj da jaroj. Mi povas imagi, ke post tiu neatendita respondo, la cetero de la intervjuo ne multe gravis. En sia koro Patroklo jam akceptis min.

Dum preskaŭ kvar jaroj kiel helplernanto mi devis labori sklave en la domo de Patroklo. Tamen eĉ tiam mi vidis multon kaj ankaŭ plene uzis mian rajton legi la valorajn malnovajn librojn en la libraro de mia majstro. Finfine mi fariĝis ĉeflernanto. Mi estis fiera esti la ĉefhelpanto de Patroklo kaj iri ĉien kun li kaj porti liajn ilojn, medikamentojn kaj ungventojn. Mi atentis ĉiun lian vorton, ĉar mi volis bone lerni la arton kaj fariĝi jatro kiel li.

Mi vagas tamen de la rakonto kiu pensigis min pri la kaprico de la dioj. Estis antaŭ du monatoj kaj, kvankam estis libertago, mesaĝisto petis mian majstron veni tuj al domo de grava homo en nia urbo, riĉulo, membro de la urba konsilantaro kaj mecenato bone konata kiel malavara. Li estis mezaĝa viro, bone vestita kaj ĉirkaŭita de siaj familio kaj sklavoj. La maldekstra kruro estis terure ŝveliĝinta, ruĝa kaj varma. Eĉ sur la femuro oni povis vidi kelkajn ruĝajn strekojn ĝis la ingveno. Li suferis altan febron, kaj li aspektis tre malsana. La malsano sekvis de malgranda gratvundo okazinta kiam la homo ludis kun siaj hundoj antaŭ du tagoj. Tre atente mia majstro ekzamenis ne nur la gambon sed la tutan pacienton. Oni povis vidi maltrankvilon sur la vizaĝo de Patroklo kiam li faris sian diagnozon, "la ruĝ-haŭta malsano kun veneniĝo de la sango[4]". Li konsilis, ke oni metu kataplasmon el pano sur la kruron kaj sur la gratvundon. Tuj la sklavoj foriris al la kuirejo, kie oni jam bakis la panon. Ni atendis ĝis la pano estis preta kaj la sklavoj faris el ĝi grandan kataplasmon. "Mi revenos je la sunsubiro", diris mia majstro, kaj poste al mi: "Estas ferio, kaj vi estas libera. Tamen, renkontu min ĉi tie kiam la suno alproksimiĝas al la horizonto."

Mi vagis en la agoron*. Kvankam mi havis malmulte da mono, mi estis scivolema pri la vasta diverseco de la varoj kiujn oni vendis tie. Oni ofertis ne nur vinon, figojn, granatojn, vinberojn kaj aliajn fruktojn kaj legomojn de la kamparo, sed ankaŭ manlaboraĵojn de multaj diversaj metioj, eĉ kelkajn kuriozaĵojn enportitajn de la fenicoj el la vasta mondo. Kaj mi ankaŭ ŝatis sopire gvati la allogajn virinojn kiuj frekventas la

vendoplacon kaj ofertas malsamajn varojn, ankaŭ preter la aĉet-povo de mia eta stipendio.

Kaj tie mi vidis la mizerulon. Vi ne povas imagi kiel naŭzige li aspektis, tiom malpura, magra kaj preskaŭ nuda, sidanta sur la pavim-ŝtonoj. Li montris sian maldekstran terure ŝveliĝintan kruron, por ke ĉiuj povu vidi[5]. Lia kruro estis varma kaj ruĝa kaj estis ruĝaj strekoj laŭ la femuro. Ne povis esti dubo: estis la sama malsano, eĉ ĝis la skrap-vundo ĉe la tibio. Kion mi povis fari? Mi estis estonta jatro. Mi havis devon, eĉ al almozuloj kaj malpuraj mizeruloj. "Tio estas la ruĝ-haŭta malsano kun venenigo de la sango. Tion oni traktas per kataplasmo el pano", mi diris memfide, fiere ke mi havis la scion por ĝuste diagnozi kaj konsili pri resanigo. Malgraŭ lia mizera aspekto, li dankis min kortuŝe.

Mi pluvagis inter la buntaj budoj de la vendo-placo por vidi multon kion mi ankoraŭ ne rimarkis. Plej amuza por mi estis lerta besto kun longa vosto kiun oni nomis *simio*, afrika besto kiu, laŭ onidiro, venas de Supra Egiptio*. Ĝi havis manetojn preskaŭ homajn kaj povis teni pilkon kaj aliajn objektojn. Ankaŭ havis mi bonan okazon por refoje kaŝ-sekvi du el la ĉiesulinoj, kaj mi miris pri tio, kiel cinike ili ridetis al la viroj kaj samtempe kiel plaĉe ili svingis la koksojn. En la malfrua posttagmezo mi refoje vidis mian mizerulon. Li ankoraŭ sidis sur la pavim-ŝtonoj de la agoro. Iel kaj de ie li akiris bulon de malfreŝa panaĉo kiun li volvis ĉirkaŭ la ŝveliĝintan kruron kiel kataplasmo. En tiu momento mi tute rezignis pri lia vivo, ĉar estis tute evidente al mi, ke tia panaĉo estis nepre maltaŭga por uzi kiel resanigilo.



Antaŭ la domego de la riĉulo mi atendis mian majstron, kiam li alvenis je la ekmalapero de la suno post la templa monteto. La familianoj kaj sklavoj ankoraŭ staris ĉirkaŭ la paciento, kaj ili ploris. Post nura ekvido oni povis konstati, ke tiu mortalo baldaŭ transiros la Stikson* en la pramo de Karono*. Mi estis vere ŝokita pri tio kiom li ŝanĝiĝis dum nur kelkaj horoj: li jam perdis la konscion, lia haŭto estis malvarma kaj malseka kaj la korbato tiel malforta, ke oni apenaŭ povis senti ĝin[6]. Ni atendis ĝis li mortis. Kaj senparole en la nokto ni piediris kune al la domo de la majstro.

Nur hieraŭ estis alia feritago — estis la festo de Bakho* — kaj mi refoje povis ĝui la tro maloftan liberecon. Ankoraŭfoje mi vagis tra la agoro kaj la vendoplaco por plenigi miajn okulojn per la vidindaĵoj kaj senti la etoson de la festo. Kaj mi vidis lin! Mia mizerulo sidis sur la pavim-ŝtonoj kaj petis almozojn de la preterirantoj. Li estis tiel malpura kiel je la unua renkontiĝo kaj li surhavis nur ĉifonojn, sed li aspektis sana. Mi konstatis, ke la maldekstra kruro ŝajnis esti tute normala.

"Saluton, mia juna amiko," li vokis, kiam li rekonis min, "malgraŭ via junaĝo, vi vere estas jatro!"

"Kiel vi fartis post kiam vi komencis uzi la pan-kataplasmon?"

"Tre bone; je la sekvanta tago la febro malestis, kaj post nur du tagoj la kruro tute resaniĝis. Mi ŝuldas al vi mian vivon, juna jatro!"

Multe mi pensis pri la afero dum la cetero de la tago. Mi estis feliĉa, eĉ fiera, ke mia paciento ial travivis. Samtempe mi turmentiĝis pro konfuzo. Mi ne povis pensi pri io ajn krom la enigmo. Kial Apolono celis la sagon al la bona riĉulo, al la homo kiu tiel multe meritis pluvivi kaj ne al la senvalora homaĉo? Mi pensis pri la pano. Tiu de la riĉulo estis la plej bona havebla; ĝi estis freŝa kaj bonodoris kaj estis ankoraŭ varma, ĵus tirita el la bakforno. Tiu de la mizerulo apenaŭ meritis la nomon 'pano', tiel aĉa kaj maltaŭga ĝi estis. Eĉ kovris la panon dika tavolo de blua ŝimo[7]! Vere, mi dubas ĉu ni mortaloj iam povos kompreni la diojn kaj la parcojn.

*Steĉjo*

*La rakonto estas originala en Esperanto. Tamen mi devas konfesi, ke ie antaŭ eble 25 jaroj mi legis en la angla similan rakonton pri helena medicinlernanto kaj pri la miraklo de la ŝim-kovrita pano. Poste mi ne povis retrovi ĝin por traduki. Tial mi devis rekrei la rakonton laŭ mia propra maniero. Mi deziras danki kaj al Roberto Williamson kaj al Paŭlo Hopkins pro gvido kaj konsilo pri la gramatiko kaj lingvostilo.*

*Steĉjo*

## Glosoj

**Agoro:** Placo en antikva helena urbo.

**Asklepio:** Helena dio de la medicino. Li estis filo de Apolono, tamen estis la centaŭro, Kirono, kiu instruis lin pri la medicina arto. La bastono de Asklepio havas nur unu serpenton.

**Atropo:** Ŝi el la tri parcoj, kiu tenas la tondilon kaj tranĉas mallonga la fadenon de la vivo.

**Bakho:** Dio de vino. Oni povas imagi, ke la festo de Bakho estas okazo por drinkado kaj ebrio.

**Demokrito:** Helena matematikisto kaj filozofo. Li inventis la vorton *atomo* por priskribi la plej malgrandan eron de materio.

**Hipokrato:** La plej renoma el la antikvaj helenaj kuracistoj. Li naskiĝis sur la insulo Kos, studis kaj verkis multe kaj fondis noblan medicinan tradicion.

**Jatro:** De la helena vorto por medicinisto laŭ la tradicio de Hipokrato. Mi nur elpensis la ideon, ke la helenoj faris distingon inter *jatroj* kaj aliaj kuracistoj.

**Karono:** Pramisto kiu transportas la mortintojn trans la marĉoj de Akerono kaj trans la rivero Stikso al Hadeso.

**Krab-malsano:** Speco de mamkancero kiu, laŭ la helena percepto, aspektis kvazaŭ krabo sur la brusto. La vorto *kancero* devenas de la helena vorto por krabo.

**Parcoj:** La tri diinoj de sorto kiuj regis la daŭron de la homa vivo. Klotoo ŝpinis, Lahezo mezuris kaj bobenis, kaj Atropo tranĉis la fadenon de la vivo.

**Pitagoro:** Helena matematikisto kaj filozofo, kies nomon oni donis al la fama teoremo per kiu oni kalkulas la longon de la hipotenuzo de ortangula trilatero.

**Sankta malsano:** Epilepsio. Alkoholo stimulas la konvulsiajn atakojn.

**Stikso:** Rivero kiu ĉirkaŭas Hadeson kaj apartigas ĝin de la lando de la vivantoj.

**Supra Egiptio:** Suda parto de Egiptio. Iam estis du reĝlandoj kiuj unuiĝis post kiam la suda reĝlando venkis Malsupran Egiption. La faraonoj ĉiam surhavis la duoblan kronon por montri, ke ili regis ambaŭ reĝlandojn. Kompreneble la simio venis el lando eĉ pli suda ol Supra Egiptio.

**Votaj tabuloj:** Danko-plenaj homoj kiuj resaniĝis pro vizito al la templo, ofte donis tabulon el terakoto kun reliefa reprezentaĵo de la malsana korpoparto kaj priskribo pri la kurac-rimedo.

## Klarigoj

1. Tuberkulozo de la spino.
2. Lepro aŭ la malsano de Hansen.
3. Ĉi tie oni pri-skribas loban pneŭmonion, rezulte de la pneŭmokoko. En tiu ĉi malsano la krizo estas tre grava decido-momento pri morto aŭ post-vivo de la paciento.
4. Ĉi tie estas priskribata erizipelo (greka vorto: ruĥa+haŭto) aŭ simila infekto streptokoka.
5. Estis kutime, ke malriĉaj malsanuloj, kiuj ne povis toleri la elspezon por kuracisto, kusis en la agoro kaj prezentis sian malsanon al la preterpasantoj. Ili esperis ke iu karitatemulo inter la homamaso rekonos la malsanon kaj povos konsili resanigan rimedon.
6. Ĉi tie oni priskribas sepsan ŝokon.
7. Sendube la ŝimo estis *Penicillium notatum*.



# Hungara infan-kanto el Bicske

**tradukis: Perlo Miela**








3. Se vi en Hungara land', en urbeto ĉe la rand'
estus naskiĝinta, jen, ne estus Vi amo sen.

4. Por Vi estus ja miel', bona lakto kun buter',
kaj por dormi la kusen', Vi ne estus amo sen.




## El-konduko

La redaktoro kunvokis siajn junajn amikojn el la tendaro, por kune adaiaŭi vin! Dankon al la abonintoj, restu abonontoj, dankon al kontribuintoj, restu kontribuontoj. Dankon al ilustrintoj, perintoj, varbintoj, pak-helpintoj, prov-legintoj... ĉiaj -intoj restu -ontoj! Restu ni ĉiuj junaj kaj amikaj! Adiaŭ!

